# Esperanto - instrumento!

*Estimata samideano Jaan Ojala!*

Via letero estis tre interesa, kaj mi ĝojis, ke mia modesta artikolo pri „Esperanto en Perspektivo" (de 2/75, p. 12) iom vekis diskuton pri unu malfacile komprenata problemo en la Esperanto-movado: la rilato inter lingvo kaj socio, lingvo kaj individuo.

Por komenci kun via lasta frazo. Tutcerte vi kaj via estona movado ne „erarvagadas en mallumo", se mi entute havas la rajton tion prijuĝi . . . Laŭ mia opinio, respondante al via letero, oni devas konstati:

1. Ideologioj, idearoj, filozofiaj konceptoj ekzistas sendepende de la konkreta lingva formo. Do ekz. marksismaj ideoj ne nepre estas ligitaj al la rusa aŭ germana lingvoj. Same iuj reakciaj ideoj ne ligiĝas el si mem al la angla aŭ aliaj lingvoj.

   Tio signifas, la humanismaj celoj, portataj ankaŭ de la Esperanto-movado kiel internaciismo, frateco, humanismo, internacia kunlaboro, pacbatalo k. t. p. ekzistas ankaŭ *sen Esperanto* kaj ekzistis jam en la strebadoj de la homaro longe antaŭ la ekzisto de Esperanto. Tion oni certe ne povas kontesti, ĉu ne? La batalo por la noblaj celoj de internaciismo, kunlaboro, popola amikeco k. t. p., dependas de la homoj kaj nur de ili. Kompreneble, havante tian grandiozan instrumenton kiel Esperanto, la agado por tiuj celoj, jam pure teknike, plifaciliĝas.

2. Lingvo estas instrumento de komunikado, de la ekkonado kaj de la pensado, sed lingvo *ne* estas ideologio!

   Do sekve Esperanto estas nek kosmopolitisma, nek progresema en si mem, nek komunisma, reakcia aŭ ia ajn. Vi certe memoras, ke kelkfoje dum la pasinteco oni vidis en Esperanto la esprimon de plej diversaj sin reciproke ekskludantaj ideologioj. Do Esperanto — kiel ĉiu ajn lingvo, estas unuavice ilo, kaj nenio alia. Dependas do tute kaj plene de la homo, por kiaj celoj li uzas tiun ilon. Vidu, eĉ por faŝismo oni utiligis Esperanton, bedaŭrinde, 1933 — 1936, kiel ni scias el la amara germana historio. Mi ankaŭ konas, cetere, esperantistojn, kiuj sentas reciproke nenion solidarigan kaj pere de la „kara lingvo" interbatalis. Ili sin malamas. Esperanto *el si mem* do ne havas iun „solidarigan funkcion", kiu aŭtomate efikadas. Aserti tion, estas konscia mensnebuligo.

   Esperanto kiel lingvo ne povas esti esprimo por iu ideologio, nek por la „interna ideo", nek por iu „humanisma internaciismo", per kiu iuj volas anstataŭi la proletan internaciismon (paralele, cetere, al la tielnomata „Socialismo kun homa vizaĝo", konata afero).

3. Mi absolute ne neas, ke ekzistas idearo, ĝenerale nomata „interna ideo". Ne gravas, kiel nomi tiun idearon. Tio, kion la esperantistoj ĝenerale esprimas per la nocio „interna ideo" estas humanisma-pacifisma idearo, prezentita de d-ro Zamenhof. Zamenhof certe supertaksis ĝuste la kapablojn de lingvo por la solvo de sociaj problemoj kun

nelingva karaktero. Esperanto (el si mem) ne povas interfratigi la homojn, sed ĝi povas *helpi* al reciproka kompreno. Malsame al aliaj projekto-aŭtoroj, Zamenhof tamen volis, ke oni utiligu Esperanton por konkretaj humanismaj celoj (forigo de militoj, de genta malamo, rasa diskriminacio k. t. p.), kaj tie kuŝas la profunda humanismo *de la aŭtoro* de nia lingvo. La naturalistoj ekzemple (Interlingue, Interlingua) ligas al siaj projektoj tute alian idearon ol Zamenhof. E. de Wahl kaj A. Gode vidas en siaj projektoj okcidentkulturan esprimon, rimedon por konservi la okcidentan kulturon, la okcidentajn lingvojn, do la okcidentan superecon. (Oni vere tre facile pruvus al naturalistoj la esence reakcian kaj tute nesciencan filozofian grundon, sur kiu ekestis iliaj projektoj. Tio estus materialo por aperta artikolo.)

4. Fakto estas, ke pro diversaj motivoj la idearo de Zamenhof ĝis hodiaŭ forte efikadas en la Esperanto-movado (sed jam estis kritikita ekz. de francaj esperantistoj komence de la 20-a jarcento kaj de aliaj). Se oni konservas al si la rigardkapablon por la realeco, tiu-ĉi idearo de Zamenhof, aplikita al la nuno, povas ludi esence progreseman rolon. Kompreneble! Ja estas sendube fakto, ke ĝenerale la internacia Esperanto-movado ĉiam sincere celis al la homa progreso. Sed ofte la konkreta engaĝiĝo por tiuj sinceraj celoj estis kaj estas bremsata ĝuste pro la fakto, ke oni kredas, ke sufiĉas esti esperantisto ĉar kiel tia oni aŭtomate estas pacbatalanto. Tio estas missupozo.

   Oni povas agnoski, ke la ĝenerale samaj aspiroj de la esperantistoj (antaŭenigo de Esperanto, plifaciligo de la internacia komunikado pere de internacia lingvo, volo al pacaj kondiĉoj por tio k. t. p.) donas certan kadron, kiu ĉiujn kuntenas kaj mildigas konfliktojn, sed ne evitigas ilin, kiel ni scias el la plej juna historio de la movado.

5. Oni pro tre diversaj celoj povas (kaj povu) lerni Esperanton. Tre multaj eklernas la lingvon ĝuste por plifaciligi al si la materiajn internaciajn kontaktojn. Eĉ estus tre avantaĝe, se oni sole nur (internacie) povus vendi/aĉeti varojn helpe de Esperanto: Esperanto en komerco. Tio jam motivigus la ekzistorajton de Esperanto.

   Multaj esperantistoj ne unuavice serĉas la internaciisman aŭ „internidean“ atmosferon en la movado. La ideologia strukturo de la movado estas mikromodelo de la tutmonda. Oni ne forgesu, ke internaciisma atmosfero ankaŭ ekzistas ekz. inter afrikanoj de diversaj landoj kun tre diversaj lingvoj, sed ĉiuj same luktantaj por la plena memstarigo de siaj landoj? Ĉu ne ekzistas forta internaciisma sento inter komunistoj de diversaj landoj eĉ sen *lingva* interkompreniĝo? Nur tiom por iomete respondi al kelkaj demandoj starigitaj de vi.

Konklude, la internacia Esperanto-movado primare estas mikromodelo de la internaciaj sociaj rilatoj, fluoj, tendencoj. Ke ekzistas specifaj trajtoj, tio tion ne ekskludas.

Se ni volas ŝanĝi la mondon, ankaŭ la lingvan situacion, tiam ni devas aktive agi en kongruo kun la progresemaj fortoj kaj la ĝeneralaj leĝecoj, kiuj validas por la evoluo de homa historio. La rolo de internacia lingva komunikado, kaj sekve ankaŭ de Esperanto kaj ĝia movado dum la lasta tempo komencos aperi en novaj dimensioj, dimensioj pri kiuj iuj homoj ĉirkaŭ prof. Lapenna ŝajne ne konscias kaj pri kiuj ni nenion trovas en „Esperanto en Perspektivo“, kvankam la titolo tion supozigus.

**D. Blanke**

## Eĉ tio okazis

**Tendoŝtelisto**

Nur kiam sciuro saltetis trans ŝia dormosako Dagmar Svengrud rimarkis, ke sur kampadejo apud Stockholm iu ŝtelis al ŝi la tendon de super la kapo.
De ŝia aŭtomobilo ĉiuj radoj estis dismuntitaj. Al la policisto ŝi diris: „Mi ĉiam dormas vere profunde."

**Mole duŝita**

Preston Stockmann, studento de la Ŝtata Universitato Birmingham, Usono, estis enhospitaligita post 4½-taga konstanta duŝado. Li celis superi la ĝisnunan rekordon pri daŭra duŝado de 7 tagoj.
Kvankam Stockmann antaŭ la rekordprovo dike enŝmiris sin per vazelino liaj brakoj kaj gamboj fariĝis sulkaj kaj ŝveliĝintaj. „Poste miaj oreloj plenŝtopiĝis kaj mi ne plu kapablis aŭdi. Mi preskaŭ estis perdinta la konsciencon", raportis Stockmann en la hospitalo.

**La fenomena lingvoscio**

Ne estas riproĉinde, ke restoracioj allogas fremdlandajn turistojn per promesafiŝoj: Esperanto parolata — English spoken — ktp. En loko vizitata de multaj alilandanoj unu gastejestro tamen troigis: per granda tabulo li anoncis Ĉi tie oni parolas ĉiujn lingvojn!
Indignite unu el liaj konkurantoj telefonis al li: Kiel vi kuraĝas tiel trompi la gastojn? Kiu en via mizera kaverno parolas tiom da lingvoj?
„Nu," respondis la gastejestro, „kompreneble la fremdlandaj gastoj!"

**Ĵaluzo**

La mortanta edzo diris al sia edzino: „Sed karulino, restu al mi fidela. Aliel mi turnus min en la tombo." Li mortis kaj post longa tempo mortis ankaŭ la edzino. Kiam ŝi venas en la ĉielon, ŝi demandas pri sia edzo. Kaj ŝi diras: „Sciu, li estis ĵaluza kaj diris al mi antaŭ sia morto, ke mi ne adultu, aliel li turnus sin en la tombo." Kaj iu respondis: „Aĥ, jes, mi konas lin, li anstataŭas en nia kuirejo ventolilon."

**El la ĉielo**

La animo de mortinto venas en ĉielon. Ĝi demandas sanktan Petron, ĉu estas eble ie rigardi la Teron. La sankta Petro jesas kaj montras truon, tra kiu oni povas rigardi. La animo rigardas kaj ekridegas. La sankta Petro demandas kolere: „Kial vi tiom ridas?" Kaj la animo respondas ridante: „Ho, mi jam estas tie ĉi kaj sube oni ankoraŭ operacias min."

**Nur en la festotagoj**

„Saluton, Rudo, longe mi vin ne vidis. Ĉu vi ĉiam ankoraŭ esploras la fundojn de vinglasoj?"
„Ne, la kuracisto permesas al mi trinki nur unu glaseton okaze de certaj grandegaj festotagoj."
„Kaj kiuj estas tiuj certaj?"
„Tiuj tagoj, kiam mi trinkas."

**Kio estas la eĥo**

„Paĉjo, ĉu vi povas priklarigi al mi, kio estas la eĥo?"
„La eĥo? Tio estas la sola estaĵo, kiu kuraĝas diri la lastan vorton, kiam parolas via patrino."

## La Estraro da la Junulara Komisiono

Ekde ĝia novfondiĝo en junio 1975 la Junulara Komisiono de CLR klopodas pri kontinua agado. Ĝi organizis du semajnfinajn seminariojn kaj okazigis junularan konferencon la 4-an kaj 5-an de septembro 1976 sur la kampadejo „Intercamping-Krossinsee" ĉe Berlin (Raporto sekvos en „der esperantist" 6/76, n-ro 80). Intertempe ni volas prezenti al la legantoj la membrojn de la estraro, kie sendube regas la knabinoj. Jen ili estas:



1. Rita Krips, Potsdam, nask. 1953, ekonomikistino por eksterlanda komerco, prezidantino
2. Renate Schütt, Dresden, nask. 1956, studentino por trafika ekonomio (poŝto), vicprezidantino
3. Gabriele Müller, Berlin (nuntempe en Meksikio), nask. 1953, tradukistino, vicprezidantino
4. Ingrid Erfurth, Jena, nask. 1953, asistantino ĉe la Universitato pri literaturscienco
5. Marita Dörner, Meißen, nask. 1953, oficistino
6. Michael Lennartz, Ludwigsfelde, nask. 1955, studento (nuntempe armeano)

*D-ro István Szerdahelyi*

# Planlingvistika dokumentaro III

**Daurigo pri KALMÁR (kp. „der esperantist" 78)**

*Prezentoj kaj kritikoj de la itallingva verko:*

Effemeridi letteraria di Roma per l'anno MDCCLXXIII., N-ro XX., 15-a de majo, 1773., en la rubriko „Roma".

„Nuovo Giornale", N-roj V., VII., kaj VIII., 1773.
—, Saggio intorno alla lingua filosofica ad universale, Berlin, 1773.
„Auserlesene Bibliothek der neuesten deutschen Litteratur", IV-a vol., N-ro 126., Lemgo, 1773. (Detala prezento kaj kritiko.)

„Gelehrte Ergötzlichkeiten und Nachrichten", II-a vol., 1-a parto, Stuttgart, julio 1774., en la rubriko „IV. Vermischte Nachrichten".

Artikoloj, prezentintaj la verkojn de Kalmár kaj kritikoj:
„Berlinische Nachrichten von Staats. und Gelehrten Sachen auf das Jahr 1772., 3-a de marto, N-ro 27., Prezento kaj kritiko far Lambert.

„Gazette Littéraire de Berlin" — N-roj:

Feuille CCCCXV., du Lundi 9 Mars 1772., en la rubriko „Allemagne, De Berlin": la letero de Lambert al Joseph du Fresne de Francheville.

Feuille CCCCXVI., du Lundi 16 Mars 1772., en la sama artikolo: la letero de Kalmár kaj fragmento el lia „Prodromus . . ."

„Neue Zeitungen von Gelehrten Sachen", N-ro XXV., Leipzig la 26-an de marto, 1772., prezento kaj kritiko en la rubriko „Berlin".

„Journal Encyclopédique, dédié a Son Altesse Sérénissime", Mgr. le Duc de Bouillon, la 1-a de septembro, 1772., en la rubriko „Nouvelles Littéraires, Allemagne".

„Göttingische Anzeigen von gelehrten Sachen unter der Aufsicht der Königl. Gesellschaft der Wissenschaften", la 19-an de novembro, 1772., N-ro 139., en la rubriko „Berlin".

*Verkoj, kiuj detale okupiĝas pri la lingvoplano de Kalmár:*

Vater, J. S., Pasigraphie und Antipasigraphie; oder über die neueste Erfindung einer allgemeinen Schriftsprache für alle Völker, und von

# Recenzo

**PANORAMO – aŭtuno 1975 – Literatura almanako de STARTO, organo de Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Red. O. Knichal. 56 p. Fotomekanike multobligita. Prago 1975**

La nova eldono de ĉi tiu literatura almanako denove prezentas ĉarman bukedon el la riĉa floraro de la ĉeĥa literaturo.

La poezio estas reprezentata per tri poemoj el la ĉeĥa Parnaso (O. Březina: Eterne denove; J. Seifert: Malnova muelejo; V. Nezval: Adiaŭ kaj tuket'), adekvate tradukitaj de Jiři Kořinek, sed antaŭ ĉio per la 1-a kaj 4-a kantoj de la poezia verko „Majo" de Karel Hynek Mácha. Temas pri grava verko de la renaskiĝanta ĉeĥa literaturo el la tempo de la ĉeĥa romantismo en la unua duono de la 19-a jarcento. Se nun la esperantistaro povas ĝui la belecojn de tiu verko, en kiu interplektiĝas la pozitivaj valoroj de la vivo kun tragikaj sortoj de ribeluloj, tio estas ŝuldata al la alta tradukarto de d-ro Tomáŝ Pumpr, kiu scipovis konservi ankaŭ en la traduko la poetan imagivon de la aŭtoro kaj la sonbelecon de ties versoj.

---

(resto de paĝo 17)

Wolken's, Leibnizen's, Wilkins's und Kalmár's pasigraphische Ideen, Ein Versuch, Weissenfels & Leipzig, 1799. IX. ĉap. pri Kalmár, X. ĉap. Kalmár/ Wilkins paralelo.

Schmidt, J. M., Eine Rede, mit welcher Professor Schmid Vorlesungen über einen neuen Versuch einer allgemeinen Schriftsprache eröffnet am Königlich Baierischen Lyzeum zu Dillingen, 1807, la 19-an de majo.

*Literaturo:*

La korespondaĵo inter Kalmár kaj J. H. Lambert en:

Johann Heinrich Lambert's deutscher gelehrter Briefwechsel, herausg. von Johannes Bernouilli, Bd. I., Briefe 1, 4., Berlin, 1781.

Körmöczi László, A világnyelv kérdése és Kalmár György (‚La problemo de la mondlingvo kaj Kalmár György'), Nagykőrös, 1933.

(Monografio pri la kontinueco de la penso de Descartes-Wilkins-Leibniz ĝis Kalmár.)

Madeleine David, Un témoin des espoirs du XVIIIe siècle, Kalmár et sa langue philosophique (1772), en: „Revue historique", 1956. aprilo–junio, Paris, pp. 283–289.

Kelemen József, Kalmár György szótártervének es szótártöredékének nyomairól (‚Pri la spuroj de vortarplano kaj vortarfragmentoj de Kalmár György') en: „Nyelvtudományi Közlemények" (‚Lingvosciencaj Publikaĵoj'), 60-a vol. N-ro 2., Budapest, 1958.

Papp Ferenc, Kalmár György oroszországi kapcsolatai (‚La ruslandaj rilatoj de Kalmár György') en: „Filológiai Közlöny" (‚Filologia Bulteno') IV-a jaro, N-ro 2., Budapest, 1958.

(resto de paĝo 18)

Pli grandan spacon kaj pezon okupas ĉi-foje la prozaj kontribuaĵoj. Pri la sortoj kaj bataloj dum la periodo de la faŝista okupacio rakontas fragmento el la romano „Vitra monto" de Alfonz Bednár (trad. M. Šaturová-Seppová), kiu ĉerpas el la Slovaka nacia revolucio, kaj „Kontrabandaĵo" de Bernard Horst (trad. J. Patera), sprita rakonto el la novelkolekto „Ŝildo kaj glavo", dediĉita al la travivaĵoj de fervojistoj dum la dua mondmilito. Nepre leginda pro sia nerezistebla humuro estas la fragmento el la parodio „Saturnin" de Zdeněk Jirotka (trad. J. Vondroušek), en kiu oni ekscias, kiamaniere la servisto Saturnin submetas sian mastron al sia neregebla inklino al fanfaronado kaj ekstravaganco.

Same valoraj kiel la tradukaĵoj estas ankaŭ la originalaj kontribuaĵoj. La unua estas felietono pri la solstico, ĝia rolo en la homa vivo kaj ĝia mistera efiko, kiu tuŝas mitologion kaj sciencon, religion kaj politikon. Speciale atentinda estas la artikolo „Kelkaj notoj pri la literaturaj kritiko kaj historio en Esperanto", verkita de O. Kníchal. En la unua noto (Dorlotitaj poetoj – kaj iliaj apologiistoj) la aŭtoro trafe polemikas kontraŭ la individuismo en la sinteno de kelkaj famaj Esperanto-poetoj, speciale de N. Hohlov, sed ankaŭ de Baghy, kiuj klapfermis la pordeton de sia „ebura turo" kaj ekiris la vojon al metafiziko, malŝatante la amason, ignorante la objektivan realon, sed aplaŭdite de la kritiko. En la noto „Valizo de kritikisto" la aŭtoro pritraktas la problemon pri la nivelo, sur kiu oni aprecis la beletrajn verkojn en Esperanto dum la unua periodo de Literatura Mondo, kaj starigas la demandon, kiam finfine venos la tempo por apliki al Esperanto-verkoj same severan mezuron de kritiko kiel al nacilingvaj literaturaĵoj. En tiu konekso li aprecas verkon kaj meritojn de Lajos Tárkonyi, kiel fondinto de science bazita literatura kritiko en Esperanto. En la tria noto (Verkista „bazaro") la aŭtoro polemikas kontraŭ la eltrovo de pli kaj pli novaj „skoloj", kiujn ĝis nun oni distingis unu disde la alia nur laŭ tempaj kaj lokaj, sed ne laŭ enhavaj kriterioj.

Krom la ege interesa enhavo ĉiuj kontribuajoj ĝojigas la leganton per senriproĉa, moderna lingvaĵo, kiu donis al la recenzinto nur en du punktoj motivon por rimarko. La unua estas la vorto „pumilio", trovebla nek en PIV nek en iu alia vortaro al li atingebla. Temas pri planto, sed pri kiu? Kaj la dua estas la dufoja uzo de la verbo „darfi", por kiu J. Kořínek ja pledis jam en sia artikolo „Esperanto-ĉu lingvo preciza?" en „Paco", GDR-eldono 1975. Tiu verbo estas ĝis nun apenaŭ trovebla en Esperanto-tekstoj kaj tial tuj altiras la atenton, kiam ĝi foje aperas. Surbaze de sia sperto kiel tradukanto la recenzinto opinias, ke la ĝenerala uzo de „darfi" estus salutinda pro la trafaj motivoj prezentitaj de Kořínek en la menciita artikolo.

D-ro Karl Schulze

# INFORMOJ

### Ĉeĥoslovakaj rezistbatalintoj ĉe esperantistoj en Rostock

La 17. 7. 1976 en Rostock renkontiĝis 13 iamaj ĉeĥoslovakaj antifaŝistaj rezistbatalintoj kun esperantistoj. Ili komune vizitis la tradicio-ŝipon „Paco" kaj poste aranĝis interparolojn pri la antifaŝista rezistada batalo. Jen grava iniciato de la esperantistoj el Rostock.

### Internacia renkontiĝo en Rostock

La 10-an kaj 11-an de julio 1976, en la kadro de la tradiciiĝonta festo de la gazeto „Ostseezeitung" en Rostock okazis internacia esperantista renkontiĝo. Ĝin partoprenis entute 56 esperantistoj, i. a. el USSR (1), ĈSSR (6), Pollando (15). La unua sekretario de la distrikta estraro de Kulturligo d-ro Kurt Bursian, salutparoladis. La partoprenintoj i. a. vizitis la ŝipkonstruan muzeon.

### Hungaraj gastoj en Schwarzenberg

26 hungaraj esperantistoj vizitis la Esperanto-grupon en Schwarzenberg de 26. 7. — 3. 8. 1976. K-do Rudolf Eichler, la gvidanto de la loka Esperanto-grupo preparis varian programon por la gastoj, kiu multe plaĉis. 1977 okazos vizito de la gastigantoj en Hungario.

### Dum la laboristaj festludoj

Ĉiun duan jaron en GDR alterne en diversaj urboj okazas la laboristaj festludoj, kulminoj en la kultura vivo de GDR.
La 16-aj laboristaj festludoj okazis dum junio en Dresden. Kunlige al tio jam la 8-an de majo 1976 esperantistoj el Pollando, ĈSSR kaj GDR okazigis internacian renkontiĝon en Görlitz (GDR) kaj en Zgorzelec (Pollando). La 50 esperantistoj vizitis la tombejon de la herooj en Zgorzelec, metante tien florkronon. Post la vizito de minejo en Turow okazis amikeca renkontiĝo en la klubo de la ministoj en Zgorzelec. La 9-an de majo oni daŭrigis la renkontiĝon en Görlitz, vizitante la urbon kaj interŝanĝante spertojn.

### Senlaca preleganto

La informadon pri la belaĵoj de niaj socialísmaj frataj landoj tre lerte kombinas s-ro Werner Haupt kun informado pri Esperanto. Ekde 1959 li 121-foje (!) prelegis pri „Altaj Tatroj", ekde 1958 89-foje pri Rumanio („Gasto en Rumanio"), ekde 1970 52-foje pri „Bulgario" kaj ekde 1972 oni 63-foje povis aŭskulti prelegon „Vojaĝo tra 6 landoj". Liajn prelegojn, ilustritaj per koloraj diapozitivoj, povis aŭskulti pli ol 16 000 homoj, kiuj do ĉiuj estis samtempe informitaj pri Esperanto.

---

### II-a Cantra Konferenco de la esperantistoj de GDR

Ĝi okazos de 5.—7. novembro 1977 en Leipzig kaj bilancos la laboron de la esperantistaro en Kulturligo de GDR, faritan post la VIII-a partia kongreso, do de 1971 ĝis nun. Krome oni decidos pri la estonta agado kaj elektos la membrojn de Centra Laborronde Esperanto (CLE). Partoprenos la konferencon, kiu estas komparebla kun landa kongreso, 180 delegitoj el GDR kaj krome eksterlandaj gastoj.

## Centra Laborrondo — kolektiva membro de UEA

**La Komitato de UEA akceptis dum sia ĉi-jara kunsido en Ateno (kadre de la 61-a Universala Kongreso de Esperanto de 31. 7. — 7. 8. 1976) la esperantistaron en Kulturligo de GDR, reprezentitan per Centra Laborrondo Esperanto, kiel kolektivan membron en la mondorganizaĵo. Komitatano fariĝis Rudi Graetz, la prezidanto de CLE. Ampleksa raporto pri la tre sukcesa kaj interesa 61-a UK sekvos en „der esperantist" 6/76. Pri la aliĝo de GDR en UEA kaj la kongreso raportis la tutrespublika gazetaro, i. a. „Neues Deutschland" per 30-linia informo la 7./8. aŭgusto 1976.**

### 39-a Kongreso de Bulgara Esperanto-Asocio

Tiu signifa kongreso, partoprenata de 1000 bulgaraj esperantistoj, okazis la 11-an kaj 12-an de julio 1976 en la ĉedanuba industria urbo Ruse. La gastigantoj afable invitis ankaŭ delegaciojn el la socialismaj ŝtatoj kaj el aliaj landoj.
Tuj post la kongreso, la 13-an de julio, okazis la VII-a ĝenerala konferenco de MEM, pri kiu ni raportos en numero 6/76 (80) de „der esperantist".
La kongreson de BEA kaj la VII-an ĝeneralan konferencon de MEM el GDR partoprenis la membroj de la Internacia Komitato de MEM Rudi Graetz, d-ro Detlev Blanke, Jürgen Hamann kaj Ludwig Schödl.
Nova prezidanto de BEA elektiĝis Christo Gorov. Nikola Aleksiev, kiu sukcese gvidis la asocion pli ol dek jarojn, pro troŝarĝiteco kaj malbona sanstato forlasis la postenon de la prezidanto kaj estonte dediĉos siajn fortojn speciale al MEM.
Al la nova prezidanto, konata aktivulo de la bulgara movado kaj antaŭe viceprezidanto de BEA, ni deziras ĉion bonan.

### Renkontiĝo de eŭropa junularo

De la 19-a ĝis 24-a de julio en Varsovio okazis manifestacio de la eŭropa junularo por paco, sekureco kaj kunlaboro en Eŭropo, realige al la Fina Akto de Helsinki.
Laŭ invito de la prepara komitato partoprenis ankaŭ delegacio de TEJO.

*El Sovetunio ni ricevis du petojn pri starigo de kontakto inter kulturdomoj kaj kulturklerigaj kluboj en GDR ĉar tiuj alvokoj laŭ nia opinio meritas plenan subtenon, ni diskonigas ilin ĉisekve alvokante ĉiujn grupojn el GDR por konsideri la proponojn:*

### Kunlaboro kun sindikataj kluboj

Skribas s-ro T. Bercis el Riga:

„Ekde decembro 1975 mi kaj kelkaj esperantistoj estas membroj de la klubo por interpopola amikeco ĉe la Domo de Kulturo de Latvia Sindikato. Nia tasko estas establi amikecajn rilatojn kun similaj kluboj aŭ kun kluboj de internacia amikeco ĉe grandaj sindikatoj aŭ kulturpalacoj en GDR. Ni ŝatus ekscii multon pri la kulturo kaj historio de via lando, pri aktualaj eventoj, pri gravaj kaj interesaj homoj. Same nin interesas aktualaj fotoj pri via lando pri tio, kiel via popolo laboras kaj konstruas la evoluintan socialismon. El tiu ricevonta materialo ni intencas organizi ekspoziciojn pri GDR kaj konatigos kun ili studentojn, la lernejan junu-

laron k. s. Nia klubo de interpopola amikeco reciprokos per simila petita materialo, libroj, ĵurnaloj, fotoj k. t. p. kaj informos pri la vivo de Soveta Latvio . . . Se estos interkonsento kun similaj kluboj, tiam ni organizos kun ili senperajn kontaktojn. Laŭ trovita de vi adreso de iu interesita klubo ni sendos oficialan leteron. Vi certe komprenos, ke en la kazo de sukceso ni bone povus pruvi la taŭgecon de Esperanto, kio signifus pli malpli oficialan rekonon de la esperantistaro en Riga."

(T. Bercis, Esperanto-klubo,
abon jasĉik 499, Riga (Latvio)

---

**Kunlaboru kun kulturklerigaj kluboj el Sovetunio!**

Nin atingis interesa letero de k-do Stepan Konstantinoviĉ Ĥvorostin (190 000 Leningrad, ulica svja 71, dom 20/24), kiu entenas proponon pri kunlaboro certe gravan por niaj grupoj. Interesuloj sin rekte turnu al k-do Ĥvorostin. Jen eltiro el la letero:
„Por la Palaco de Kulturo, kiu donas al la Leningrada Esperanto-Klubo ĉambron, estas interesaj informoj pri karaktero, organizo kaj laboro de domoj de kulturo kaj similaj kluboj, (ĝenerale ne nur por unu specialeco) kiuj ekzistas en aliaj socialismaj landoj. Se en via urbo aŭ en proksima regiono ekzistas tiuj ĝeneralaj kulturklerigaj domoj, palacoj aŭ kluboj, bonvolu peni
1. ricevi de ili materialojn pri iliaj strukturo, taskoj, problemoj, interesaj aranĝoj kaj pri ilia laboro;
2. traduku tiajn materialojn en Esperanton kaj sendu la tradukitajn tekstojn kun (se riceveble) fotoj, anoncoj, programoj, prospektoj. Faru tion, kvankam la materialoj estas nacilingvaj (kun Esperanta traduko)!
Por ne tro ĝeni vin per mia peto mi povus ricevadi la materialojn iom post iom. Vi povus komisii la plenumon de ĉi tiu peto al aliaj esperantistoj, ĉu al funkciuloj naciaj.
Kolekto de tiuj materialoj helpos al nia Esperanto-klubo, ĉar la estraro de la „Palaco de Kulturo" je la nomo „KIROV", post tio estus favora al la Esperanta laboro. Post la ricevo de la materialo pri eksterlandaj kulturdomoj, palaco, klubo, vi ricevos samajn materialojn pri laboro de nia Palaco de Kulturo, esperantigos ilin kaj ĝin sendos kiel respondoj al viaj domoj, palacoj k. t. p. Interŝanĝo de materialoj konvinkus la adminstracion de ambaŭ landoj pri la utilo de Esperanto en ilia kleriga, kultura, politika laboroj."

**El letero de Arturo Kubulnieks el Aluksne, Latvio:**

En la nomo de la kolektivo de nia lernejo ni tutkore dankas vin pro via nova sendaĵo al ni: „der esperantist", n-roj 73/74 kaj 75. Ili tre multe helpas al nia laboro por amikeco inter niaj landoj. Ni ofte uzas vian revuon en la eduka kaj kleriga laboro de nia lernejo. —
Bonvolu aperigi sur la paĝoj de „der esperantist" dankon de la kolektivo de la 8-jara lernejo en Ziemeri (Latvio) al la malnovaj esperantistoj kaj komunistoj en Karl-Marx-Stadt, s-anoj Werner Polster, Ernst-Enge-Str. 44, Alfred Müller, Karl-Liebknecht-Straße-47, Gerhard Bierbaum, Carl-v.-Ossietzky-Straße 23.
Jam dum multaj jaroj ili sinofereme helpas al nia lernejo en la komunisma edukado. Ili sendis al nia E-rondeto materialojn por multaj ekspozicioj, detale konatigante nin kun la historio de la germana laborista kaj komunista movado, en kiu ili mem aktive partoprenadis. En ĉi tiu

**Interview in „Sowjetunion"**

In Nr. 9/1976 der deutschsprachigen sowjetischen Zeitschrift „Sowjetunion", die in weiteren achtzehn Sprachen herausgegeben wird, erschien ein Interview mi M. I. Isajew „Wie überwindet mai Sprachbarrieren"? (S. 26–27)

**„Junge Welt" über Esperanto**

In der Ausgabe der „Jungen Welt" vom 2. 9. 1976 erschien ein um fangreicher und sehr sachlicher Ar tikel über Esperanto.

**Seminare 1977**

Auch 1977 finden wieder Seminare für Leitungskader der Esperantogruppen im Kulturbund der DDR statt. Das 10. Seminar für Kursusleiter wird vom 31. 1. bis 4. 2. 1977 durchgeführt.
Vom 21. bis 25. 3. 1977 findet das 4. Jugendseminar statt.
Interessenten melden sich, nach Absprache mit ihrem Bezirksarbeitskreisvorsitzenden, bitte direkt beim Zentralen Arbeitskreis Esperanto.

**Kulturligaj distingoj**

Daŭre Kulturligo de GDR pli kaj pli ofte aprezas la agadon de la esperantistoj per altaj distingoj. Laste i. a. ricevis la Johannes-R.-Becher-medalon en bronzo Margot Seeger (Riesa) kaj Werner Pfennig el Neubrandenburg. Ni kore gratulas. CLR

**Mendu Esperanto-revuojn!**

Jenaj Esperanto-revuoj estas mendeblaj en GDR, ĉe Centra Laborrondo: „Paco", „Scienca Revuo", „Scienca Mondo", „Bulgara esperantisto".
La poŝto akceptas abonojn por jenaj revuoj: „der esperantist", „Hungara Vivo", „Pola esperantisto". Por ricevi la revuojn en 1977 mendu ilin tuj!

**„Esperantistoj el Litovio petis nin, informi:**

„Kun granda malĝojo ni sciigas, ke la 15-an de aprilo 1976 forpasis en sia 68-a jaraĝo, longdaŭra estrarano de Viljandia Esperanto-Klubo, fervora kaj fajranima samideano, nia neforgesebla kara amiko Hans Anso."

**Aperis „Scienca Mondo"**

Aperis n-ro 1/76 de „Scienca Mondo"! Abonojn akceptas CLE. Komparu „der esperantist" 2/76 p. 4 kaj 1/76 p. 5.

**En „Eszperantó-magazin"**

En n-ro 3/1976 de la hungarlingva revuo „Eszperantó-magazin" aperis resumo de la artikolaro de Detlev Blanke pri la laborista Esperanto-movado en Germanio ĝis 1933 (komparu „der esperantist" 1–4/1976).
La artikolo aperis sub la titolo „A Weimari Köztárságban Kezdödött..." (komenciĝis en la Weimara Respubliko...).

---

lernojaro la junpioniroj en sovetaj lernejoj agas sub devizo: „Komunistoj estas ĉiam modelo por ni". Tial dank' al la sendaĵoj, ricevitaj de k-doj Polster, Müller kaj Bierbaum ni povis dediĉi tutlernejajn pionirkunvenojn al la vivo de la plej elstaraj komunistoj de Germanio, kaj ekzemplo por ni estas ankaŭ la vivo de k-doj Polster, Müller kaj Bierbaum, tial ankaŭ al ilia komunista agado ni dediĉis specialajn kunvenojn de nia junpionira lerneja organizaĵo.
Tutkore vin salutas kaj dankas:
Esperanto-instruisto: Arturo Kubulnieks
Esperanto-gelernantoj: (sekvas 37 subskriboj)."

# KORESPONDDEZIROJ 31635

## Francio

Marc Blondeel, 22, rue Claude Debussy, 59130 **Lambersart**, dez. kor., kol. pm.

## GDR

Kol. k. interŝanĝas bierglasojn kun bierfareja dekoracio: Otmar Heinemann, 7124 **Holzhausen**, E.-Thälmann-Str. 85
14-jara ĝemela paro dez. kor. tutmonde kun junaj geesperantistoj: Jörg kaj Birgit Brosche, 7981 **Rückersdorf**
Geesperantistoj dez. kor. tutmonde pri ĉ. t.:
Elmar Starke, 1401 **Oranienburg-Eden**, Mittelweg 72, inĝeniero (39-j.)
Eva Philipp, 8601 **Muschelwitz**, inĝeniero
Ralf Poele, 1421 **Sommerfeld**, Hohenbrucher Straße 13, instruisto
Anita Harms, 14 **Oranienburg**, Lindenring 12 (37-j.)
Walburga Brüst, 1954 **Klosterheide**, Kramnitz 2 (grandkomerc-fakulino)
Rosemarie Fechner, 1711 **Schönhagen**, Dorfstraße 6 (16-j.)
Manfred Fechner, 1711 **Schönhagen**, Dorfstraße 6 (19-j.)
Ute Busse, 153 **Teltow**, LWH — GRW, Iserstraße 02/Zi. 511
Petra Elsner, 1951 **Protzen**, Dorfstraße 97
Petra Hohensee, 195 **Neuruppin**, F.-Ebert-Straße 13 bei Radeke
Christine Peters, 195 **Neuruppin**, Beethovenstraße 45 (13-j.)
Ute Vödisch, 195 **Neuruppin**, Franz-Maecker-Straße 22b (13-j.)

## Hungario

Lernantino, 16j., dez. kor. tutmonde pri ĉ. t., kol. pm, bk, monerojn, alumetetikedojn: Márta Bankó, 3273 **Halmajugna**, Kossúth L. 20
Lernanto, 15j., dez. kor. pri sporto, muziko, pentraĵoj, kol. bk: Péter Dobos, **H-6100 Kiskunfélegyháza**, Zrinyi u. 17
Laboristo, 21j., dez. kor. kun junuloj el GDR pri ĉ. t.: Gabrielo Nagy, 1156 **Budapest**, Hevesi Gy. ut. 72.2.10.

## Malagasa Demokratia Respubliko

Junaj komencantoj dez. kor., skribu al Malagasa Esperanto-Instituto, B. P. 1678, **Tananarive**

## Svedio

45-j. sveda muzikisto (trombonisto) dez. kor. kun geesperantistoj el **GDR** pri klasika muziko: Bertil **Englund**, Am Kurgarten 2, **D-8730 Bad Kissingen**, Federacia Respubliko Germanio

## Soveta Unio

Kemiistoj, Atenton! En la kadro de Internacia Scienca Asocio Esperantista estas fondata Kemia sekcio. Ĉiuj, kiuj deziras organizite labori por enkonduko de Esperanto en la kemiajn sciencon kaj teknikon, bv. anonciĝi ĉe la sekretario: Anatolo Gonĉarov, pk. 11, **Barnaul-99**, 656099, USSR

9—32-jaraj geesperantistoj dez. **kor.** kun geesp. el GDR: Vasilij V. Grigorenko, **SU-314028-Poltavo**, Ukrainio, ul. Ciolkovskogo 67, kv. 197

Studentoj de Pedagogia Instituto dez. kor. kun gestudentoj el **GDR**, skribu al: Pedagogiĉeskij Institut, komitet komsomola, interklub, **Kiev 252030**, ul. Pirogova 1

Studentino, 20j., dez. kor. kun gejunuloj tutmonde pri ĉ. t.: Laisvida Kupryte, **p-o Kapĉunai**, reg. Pasvalio, Litovio
Dinca Odincov, ul. Litkenca 7 kv. 6, 334 200 **Jalta/Krim**, dez. kor. kol. reklamkalendaretojn

Lernantino, 15j., dez. kor. tutmonde pri ĉ. t., kol. pm, bk, diskojn: Salavejute Natalija, **Ŝiaulai**, Lenino 171—24, Litovio
Lernanto, 15j., dez. kor. tutmonde kun geknaboj pri muziko, historio: Juozas Sarapinas, Aukŝtikalniu km, Ŝvyturio kol, 235 250 **Pasvalys**, Litovio

Herausgeber: **Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).**
Redaktion: **108 Berlin, Charlottenstr. 60.**
**Fernruf: 2 20 29 91**
Verantw. Redakteur: **Dr. Detlev Blanke.**
Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. - Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 710